


# INTERNACIA FERVOJISTO

2002. 5.



*„T.A.F." Trajno Alta Frekventado*

## *Informoj pri la internacia Fervojista Esperanto-kongreso en Dresdeno*

Invitiloj / aliĝiloj estas haveblaj per :

- Dr. Heinz Hoffmann, Finstere Gasse 2, DE-01445 Radebeul. Tel : + 49-351-838-5877,
- Rolf Terjung, Finkenschlag 68, DE-47279 Duisburg. Tel/fakso : + 49-203-724-095,
- 55-a IFEF-kongreso, Postfach 100 425, DE-61144 Frieberg. Tel /fakso +49-603-146-17
  Retadreso 55a-ifk@web.de.

Glumarkoj.

Niaj belaj glumarkoj kostas 0,10 € por unu. Ili estas haveblaj jene ; menciu vian deziron en via aliĝilo (aŭ en aldonita slipo) kaj sendu la monon kune kun via kotizo al la konata bankkonto.

***Alia ebleco*** ; se vi loĝas en **Germanio,** vi ankaŭ povas mendi ilin per letero al Rolf Terjung, Finkenschlag 68, 47279 Duisburg. En tiu kazo, metu la monon por la glumarkoj simple en koverton per kiu vi mendas ilin.

La **"Ibis" hoteloj** en Dresdeno ofertas du diversajn tipojn de dulitaj hotelĉambroj ; "Twinbed" kaj "Grand Lit". "Twinbed" estas ĉambro kun du disigitaj litoj kaj en "Grand Lit" troviĝas unu 1,60 m-on larĝa lito.

Bonvolu mencii vian deziron en via aliĝilo.

Ĉe "Motel am Wiesenrand" troviĝas sufiĉe da senkostaj parkeblecoj por aŭtomobiloj.

Solvo de la ludo en paĝo 80 → **Vagonaro**

**Frontpaĝo :** *Ekde kelkaj jaroj cirkulas sur la itala reto "T.A.F." (Trajno Alta Frekventado). Vidu artikolon en paĝo 79.*

## Enhavo




# 55-a IFEF-kongreso en Dresdeno

10-16.05.2003

*Kongresadreso :* 55-a IFEF-Kongreso
Postfach 100 425, DE-61144 FRIEDBERG
Tel /fakso : +49-6031-4617
Retadreso : 55a-IFK@web.de

Bankkonto : 55-a IFK, Henning Hauge, bankkonto 844 741 202
bankkodo 200 100 20, Postbank Hamburg

**********************************************************************

# Bonvenon en Saksio

**********************************************************************

### Pri Saksio kaj Dresdeno

Antaŭ jarmilo sur la teritorio de nuna Saksio vivis kamparanoj de slavaj triboj, ĉefe soraboj, en maldense situantaj vilaĝoj. Ili ne fondis propran ŝtaton, sed estis tributdevaj al la germana regno. En la jaro 929, germana kavalirarmeo komencis konkeri la teritorion kaj konstruigi fortikaĵojn. Ekde la 12-a jarcento, pli kaj pli, germanaj kamparanoj setlis tie. La slavaj kaj germanaj grupoj pace kunfandiĝis.

Kvankam la germana influo paŝe dominis la evoluon, multaj slavaj nomoj por familioj, urboj, vilaĝoj, riveroj ktp memorigas ankoraŭ nun pri tiu historio. Nuntempe la restanta soraba minoritato vivas ĉefe en orienta Saksio kaj suda Brandenburgio, (regiono Luzacio [Lausitz]). Dum nia Nacia Vespero, soraba ensemblo prezentos programon el sia kulturo.

Trovo de riĉaj tertrezoroj kun arĝento, stano, kupro, fero, aliaj mineraloj kaj karbo naskis rapidegan evoluon de metioj, poste de industrio kaj urbanizado. Jam, fine de la 13-a jarcento, kvinono de Saksoj loĝis en urboj. La lando riĉiĝis. La riverego Elbo estiĝis plej grava komercvojo. Ne hazarde, la unua germana longdistanca fervojlinio estis konstruata en 1839 inter Lepsiko kaj Dresdeno. Poste, Saksio ricevis tre densan fervojreton, ankaŭ multajn etŝpurajn liniojn en malvastaj valoj kaj agrikulturaj regionoj.

Dresdeno, la ĉefurbo de Saksio, situas en larĝa valparto de Elbo-rivero, nur je 40 km-oj for de la germana-ĉeĥa limo. Riĉa je artaĵoj, precipe je barokaj konstruaĵoj kaj artkolektaĵoj el la 18-a jarcento, la urbo direktas sian mondfaman vizaĝon al Elbo, kvazaŭ la rivero apartenus al la urba arkitekturo. Ĝi ricevis la karesnomon "Elbo-Florenco". La germana nomo "Dresden" estas derivita de la soraba "Drježdźany" [drjeĵdjani] = vilaĝo de marĉarbaranoj.

La urbocentro estis preskaŭ tute detruita, sensence kelkajn semajnojn antaŭ la fino de la mondmilito. Dekmiloj da homoj mortis pro tio. Ankoraŭ nun videblas breĉoj inter multaj ree kaj nove konstruitaj domoj.

Dum via ĉeesto vi povos rigardi la rekonstruadon de la mondfama Virgulino-preĝejo kun centra kupolo. Fine rekonstruitaj estas interalie la famkonataj baroka ensemblo "Zwinger" [cvinger], Semper-operejo kaj

Chiaveri-katedralo. Dum la kongresjaro, ankaŭ la fervoja ĉefstacio ricevos novan tegmenton sur norda kajohalo. Ĉar, pro tio, ne ĉiuj trajnoj atingos la ĉefstacion, ni aranĝos du Esperanto-informejojn por alvenantoj : unu en ĉefstacio "Dresden Hbf" kaj unu en la stacio "Dresden-Neustadt".

Nelaste, Dresdeno estas konata kiel urbo de muziko kaj scienco. En la granda Teknika Universitato studas gejunuloj el la tuta mondo. Ankaŭ la ĉirkaŭaĵo de Dresdeno estas tre alloga : valdeklivoj kun vitoj, arbaroj, lagetoj, rokoj, belaj vilaĝoj kaj urboj.

**Faka komunikaĵo dum la kongreso en Ploviv**

La faka komunikaĵo prezentita de sinjoro Sekereŝ Ludoviko (Vidu IF-on 2002-4 en paĝo 53), havas jenan titolon : *"Aliĝo de orienteŭropaj fervojoj al transeŭropaj koridoroj".*

La aŭtoro Mgro G. Sredić precizigas, ke la prelego tute ne temis pri koridoroj en Jugoslavio tra kiuj pasas nur du el ili :

- la 10-a (fervojo kaj ŝoseo),
- La 7-a "Danubo"

| KONGRESKOTIZOJ, ĉiuj prezoj en eŭroj | ĝis 31-01-2003 | poste |
|---|---|---|
| IFEF-membro | 50,00 € | 60,00 € |
| Familiano kaj junulo ĝis 28 jaroj | 25,00 € | 30,00 € |
| Partoprenanto el eks-socialisma lando | 25,00 € | 30,00 € |
| Ne IFEF-Membro | 60,00 € | 70,00 € |
| Bankelspezoj | 2,00 € | 2,00 € |
| Bankedo antaŭ la balo | 20,00 € | 20,00 € |
| Ekskurso T1, tuttaga, merkredon 14.05. | 65,00 € | 65,00 € |
| Ekskurso T2, tuttaga (alternativa), merkredon 14.05. | 15,00 € | 15,00 € |
| Ekskurso D1, gvidado tra la urbo, dimanĉon 11.05. | 3,00 € | 3,00 € |
| Ekskurso D2, rondveturado, mardon 13.05. | 5,00 € | 5,00 € |
| Ekskurso D3, per etŝpura trajno, jaŭdon 15.05. | 20,00 € | 20,00 € |
| Postkongresa ekskurso al Meißen (Majsen) 17.05. | 25,00 € | 25,00 € |

***Por ricevi aliĝilojn, bonvolu vin turni al via landa asocio aŭ rilati al la enkapa adreso***

***Gratulon***

La 13-an de novembro 2002, HARTIG Heinz Dieter festos sian 75 jariĝon.
Pro lia granda merito, en jaro 2001 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.
Koran dankon por lia grava laboro.

# Plovdivo - Postkongreso en Nessebar

Fervoja stacio Plovdivo. Fine la trajno al Burgas venis. Por ni, partoprenantoj en la postkongreso, estis rezervitaj sidlokoj. Sed ni ne sciis kie ? Nia loka akompananto malaperis. Ĵus la lasta vagono de la trajno haltis antaŭ ni kaj ni envagoniĝis. Virina LKK-ano de la "normala" kongreso komencis serĉi niajn rezervitajn sidlokojn kaj fine ŝi trovis ilin. La trajno estis plenplena. Ankaŭ en la koridoroj staris kaj sidis multaj pasaĝeroj. Nia sorto decidis, ke niaj lokoj troviĝas en la unua vagono de tiu deksesvagona trajno. La mizero de la tuta mondo venis super ni : Temperaturo de pli ol 30 gradoj, marŝado tra 16 vagonoj kun pli ol 20 kg-ojn peza kofro, forte ŝanceliĝanta trajno, granda soifo, plenŝtopitaj koridoroj. Finfine ni ankaŭ trovis nian, trankvile en sia kupeo sidantan, kukumon senŝelantan, "gvidanton". Do, vi vidas, ĉio fine evoluis al la bono.



*Dum la postkongreso en Nessebar*

La celo de nia postkongreso estis **"Suna Bordo"** ĉe Nessebar. Estis tre laŭdinda decido de la organizinto, elekti ĵus tiun lokon por postkongresi. Ĝi bone taŭgis por ferii kaj ekskursi en la internlandon. "Suna Bordo" kompreneble ne estas la vera Bulgario, ĝi estas tipe turista, por okcidentanoj favorpreza, sed por "normalaj" Bulgaroj preskaŭ ne pagebla. (Poste mi restis kelkajn semajnojn en Bulgario. Tiam mi ne nur vidis la "dimanĉan vizaĝon" de la lando, sed ankaŭ la malfacilecon de la tiea vivo.)

Nun ree al la postkongreso. Jam en la stacio Plovdivo ni vidis je nia surprizo kaj ĝojo, ke ankaŭ la simpatiaj anoj de LKK kaj helpantaro postkongresas. Alveninte en "Suna Bordo", en la **hotelo "Kotva"** (= ankro), tristela hotelo, oni nombris nin eksterlandanojn, (estis 12 el la okcidento), kaj dividis nin per du. Do, ni bezonas ses dulitajn ĉambrojn kaj ĉiu serĉu iu ajn kunloĝanton (?!). Kaj kie restis la bulgaraj partoprenantoj ? Ili malaperis per la buso por loĝi en alia hotelo pro financaj kaŭzoj, sen antaŭe ion diri. En la akceptejo de nia hotelo nun komenciĝis malgranda ĥaoso. Dormi kun kiu ? Ĉiu preskaŭ ne konis la alian kaj kelkaj deziris unulitan ĉambron. Sed post diskuto kaj certa tempo, nia kvieta gvidanto plenumis ĉies deziron. Do, vi vidas, ĉio fine evoluis al la bono.

Nun komenciĝis tri belaj tagoj kun suno, maro kaj interesaj ekskursoj.

Ni vizitis **paradizon"**, posedaĵon de Esperanto-familio. Li, pensiita profesoro



*Esperantistoj en Nessebar dum ekskurso*

pri botaniko, kreis veran paradizan ĝardenon malantaŭ sia domo el sennombraj florantaj floroj, kaktoj, arbustoj kaj arboj el la tuta mondo. Lerte kaj sperte li rakontis pri la deveno de tiuj plantoj kaj kiel flegi ilin. Pacience li respondis pri multaj demandoj. Ne estas videble kiom da laboro kaŝas sin malantaŭ tiu bela loko.

**Ropotamo.** Sur tiu pitoreska rivero, kiun eĉ prikantas bulgaraj popolkantoj, ni veturis per malgranda ŝipeto, fakte kiel tra pluvarbaro en Australio aŭ Sudameriko. Ambaŭflanke de tiu rivero etendiĝas sovaĝaj, ne penetreblaj arbaroj kaj misteraj vokoj de bestoj atingis niajn orelojn.

**Nessebar,** nia duontaga ekskurso. Mi citas : "'Nessebar, tiu de Dio benita loko, plibonigita de la diligenteco kaj talentoj de multaj popoloj en la paso de l'jarmiloj, ne hazarde enviciĝis en la kulturvalorajoj de la mondo." Fakte, oni trovis tie eĉ restajojn el la "Nova ŝtonepoko". Hodiaŭ estas admirindaj ekz. la urbo-muroj kaj tiuj multaj preĝejaj ruinoj el pasintaj jarcentoj, konstruitaj laŭ tiamaj kaj tieaj, tipaj manieroj. Lerta ĉiĉerono klarigis al ni la historion de tiuj preĝejoj. Estas strange, ke la plej multaj turistoj, vizitante tiun urbon, ŝajne ne interesiĝas pri la historio de tiu vere vidinda, malnova kerno de tiu bela urbeto kun ĝiaj interesaj kaj riĉe ornamitaj domoj. Ili trairas amase tra tiuj stratetoj, en kiuj troviĝas multaj vendejoj, en kiuj vi povas aĉeti objektojn, kiujn vi ne bezonas, sed jam ĉiam deziris havi.

**"Oficiala vespermanĝo"** en la hotelo - „Esperanto" kune kun bulgaraj samideanoj. (Poste mi ofte manĝis en "Esperanto", ne pro la nomo, sed pro la kvalito de la manĝajo, pro moderaj prezoj kaj pro la bona atmosfero tiea.) Tie ĉi denove montriĝis la malagrabla diferenco en la ekonomio inter Okcidento kaj iamaj socialismaj landoj. Ni sidis en la gastejo ĉe du diversaj tabloj ! Okcidentanoj ricevis riĉan, antaŭpreparitan menuon. La aliaj mendis, ĉiu por si mem, laŭ kapablo de propra monujo. Sidis nun du diversaj kategorioj de Esperantistoj en la restoracio. Mi iom hontis pro tio, sed kiel solvi tiun problemon ? Tute rezigni pri komunaj festoj ankaŭ ne estas bona ideo. (Imagu, "normala" bulgara laboristo ricevas proks. 150,00 Leva monate. Tio estas 75,00 E por la tuta monato !) Sed spite de tio, estiĝis agrabla kaj gaja vespero.

***Entute estis belaj, ne forgeseblaj tagoj kaj ni ŝuldas dankon al la organizinto.***

Rolf Terjung

*Grava priŝtelo kun vundoj en Sofio*

Post la postkongreso en Nessebar, du el niaj hispanaj kolegoj estis viktimoj, en Sofio, de serioza atako farita de ŝtelistoj. Grave vunditaj, ambulance, oni enhospitaligis ilin.

Ĉar mi ne ricevis pliajn petitajn oficialajn informojn, mi ne povas pli precize rilati.

Ni deziras rapidan resaniĝon al niaj amikoj.

La redaktoro

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 2001

Surbaze de la demandilo, la landaj asocioj preparis sian jarraporton pri la jaro 2001. La resuma jarraporto estas preskaŭ kompleta, ja ne alvenis tiu de Svedio, eĉ la resuma jarraporto enhavas la indikojn el la jaro 2000 por la itala kaj jugoslava asocioj. Jene, mi prezentas la resumon de la jarraportoj de la landaj asocioj :

**1. La landaj asocioj**

La asocioj raportis pri 3 160 asociaj membroj, sed Estonio ne indikas tiun membronombron. Laŭ la raportoj IFEF nombras 992 membrojn, sed el tiu cifero mankas la svedoj. Tiu membronombro preskaŭ egalas la ciferon de IFEF-kasisto, ĉar mi enkalkulis la 15 hispanajn IFEF-membrojn. En la landaj raportoj rolas 1 702 emeritoj el la plena asocia membraro, sed Bulgario kaj Estonio ne indikis tiujn. La nombro de la grupoj estas 113. Svisio raportas, ke "...por subteni la IFEF-kason, ĝi pagis en 2001 kotizojn por 68 membroj".

Ekzamenante la ciferojn kompare kun tiuj de la jaro 2000, mi povas konstati, ke:

- Laŭ la jarraportoj oni registras 60 membrojn pli ol en la antaŭa jaro en la landaj asocioj. La nombro de la IFEF-membroj montras 18 membrojn da malkresko. Inter la IFEF-membraro la nombro de emeritoj estas pli ol 75 %-oj. Je 23 membroj malkreskis la nombro de la nefervojistoj malgraŭ, ke tio koncernas 13 landojn ; antaŭ unu jaro 11 landojn. Dek landoj ne indikis tiujn ciferojn.
- Malgraŭ la malkresko de la membraro de IFEF, tamen en 2001 la nombro de la grupoj (98 en 2000 laŭ la jara raporto) kreskis je 113. Neniu landa asocio raportis pri fondiĝo de nova grupo, do kion opinii ?
- Rumanio ne celas kreski la membronombron, anstataŭ ĝi celas kreski la lingvan nivelon kaj uzadon de la lingvo.

**2. Plenumo de la komitato-decidoj, movadaj taskoj :**

La plejparto de la landaj asocioj laboras laŭ laborplano. Pluraj plendas pri la manko de aktivaj kunlaborantoj, same pri la maljuniĝo de la membraro, pri la manko de pli juna generacio. Kelkaj landoj mencias nekonvenan "socian klimaton".Dek tri landoj raportas pri lingvo-instruado, iliaj metodoj varias : tradicia, perletera, konversacia.

Slovenio plendas pri la manko de kapabla instruisto. Germanio raportas pri tuta nova sistemo, pri internetkurso.

Dek unu landaj asocioj konservas sian historian materialon kaj kontinue kompletigas ĝin. Kroatio verkis kajeron sub titolo "Niaj kvardek jaroj" kaj planas ĝin kompletigi kaj eldoni okaze de sia 50-jara jubileo en 2004. Germanio bindigis la jarkolektojn de GEFA-ĵurnaloj inkluzive la kolektaĵon de "Fervojaj Novaĵoj", periodaĵon de iama DDR. Norvegio havas propran bibliotekon kun 300 volumoj donace ricevitan de Norvega Esperanto-Ligo. Svisio konservas protokolojn kaj jarraportojn senmanke kolektitajn.

Pluraj landaj asocioj plendas, ke la privatigo de la fervojo malfortigas la membraran bazon. Dek du landaj asocioj daŭre informas pri Esperanto kaj IFEF en la medio de la fervojo.

**3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj :**

Dek tri landaj asocioj mencias bonan interrilaton kun instancoj kaj aŭtoritatoj. Hispania landa asocio senpage ricevas specialan ejon de fervojo por klubkunvenoj, kursoj kaj biblioteko ; Rumanio ricevas senpagan bileton por oficialaj eksterlandaj veturoj de estraranoj. En Hungario la klarigoj de fervoja horaro denove aperas en Esperanto ; krome, neniu raportas pri apero, nur ĉeso de tiu, eĉ en Danio la libroforma

horaro tute malaperis, ĝi funkcias nur per interreto.

Naŭ landaj asocioj kontaktas kun sindikatoj, eĉ Ĉinio, Germanio, Kroatio, Rumanio kaj Svisio ricevas pli-malpli helpon de ili. Ses landaj asocioj raportas al sindikatoj.

Ĉinio, Pollando ne havas kontakton kun landa organizo de FISAIC, Danio, Francio, Germanio, Hungario kaj Rumanio raportas pri tre bonaj kontaktoj. Naŭ landaj asocioj ricevas financan subtenon, dek-unu landoj sendas raportojn, aŭ informojn al ili. Sep landaj asocioj raportas pri ofico ĉe FISAIC.

Dek tri landaj asocioj havas aktivajn kontaktojn de libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj kaj religiaj organizoj. Aŭstrio raportas pri bona kontakto kun la Internacia Esperanto Muzeo en Vieno ; Francio kaj Hungario kun poŝtistoj kaj radioamatoroj ; Hungario havas kunlaboran kontrakton kun UMEA, kunlaboras kun pacmovado ; Rumanio kun ĵurnalista organizo.

Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Kroatio, Norvegio kaj Slovenio strebas aperigi la tekston de horaro en Esperanto, eĉ ankaŭ Danio, ja temas pri refoja eldono de libroforma horaro, sed estas obstaklo : enlanda kaj internacia horaroj estas eldonataj de diversaj instancoj ĉe fervojo ; Germanio ne povas efektivigi ĝin, ĉar ĝi eblas nur kontraŭ alta prezo.

**4. Organizado de jarkunvenoj :**

Ne okazis jarkunsido en Aŭstrio, Estonio, Jugoslavio kaj Slovakio. La partoprenantoj varias, sep landoj raportas pri eksterlandaj gastoj. En naŭ landoj okazis fakprelegoj ; krome, sep landoj samtempe organizis ankaŭ distrajn kaj ekskursajn programojn. Dek sep landoj informis pri aranĝo de jarkunsido en 2002.

5. **Organizado de komunaj aranĝoj kun aliaj asocioj :**

Aŭstrio, Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, kelkaj fakgrupoj de Germanio, Hispanio, Kroatio (86-a UK), Norvegio, Rumanio kaj Slovenio aranĝis, respektive kunlaboris komunajn aranĝojn kun ceteraj asocioj ; krome, la Danoj, Francoj, Norvegoj faris komunajn aranĝojn kun aliaj asocioj.

**6. Interrilatoj kun Esperanto-organizaĵoj :**

Dek tri landaj asocioj havas interrilatojn kun sialanda asocio de UEA. Aŭstrio, Kroatio kaj Norvegio raportas pri interrilatoj kun SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda) ; kaj dek du landaj asocioj kun ceteraj Esperanto-organizoj : ekzemple kun "Sunda Esperanto-Agado", KEA, KAE, UMEA (Universala Medicina Esperanto-Asocio), MEM (Mondpaca Esperantista Movado), ILEI (Internacia Ligo de Esperantistoj Instruistoj), blindaj esperantistoj, Hilelisma E-Komunumo, Monda Turismo, KCE (Kultura Centro Esperantista), CDELI (Centro de Dokumentado kaj Esploro pri la Lingvo Internacia). Dek tri landoj raportas pri siaj landaj fakdelegitoj. Ĉe UEA, ĝia nombro estas 51. La koncernaj landoj planas samnombrajn fakdelegitojn en jaro 2002 ; krome, Slovenio planas varbi unu plian.

**7. Informado en la plej vasta senco :**

Sep landaj asocioj raportas pri tio, ke ili sendis gravajn informojn al IFEF. Aŭstrio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Germanio, Hungario, Kroatio, Norvegio, Rumanio kaj Svislando komisiis respondeculon, kiuj provizas la redaktoron de la organo Internacia Fervojisto pri aktualaĵoj. Inter ili la plej diligenta estis la ĉeĥa, kiu meritas specialan laŭdon.

Dek kvin landaj asocioj informis la publikon, pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualaĵoj per diversaj artikoloj en regionaj, fervojaj revuoj, bultenoj, lokaj ĵurnaloj, faldfolioj, murgazetoj, montrofenestroj.

Ses landaj asocioj rakontas pri aranĝo de ekspozicioj, inter ili Francio aranĝis 12 vizititajn de plurmiloj da interesuloj. Iliaj

temoj varie estis la movada historio kaj vivo, iliaj rezultoj. Krome, Ĉeĥio estas menciinda per filatelaj ekspozicioj sub titolo "Per Esperanto la amikoj estas en la Mondo", S-ro Li Sen gajnis unuan premion per sia koverto-kolektaĵo el la mondo.

Aŭstrio en sindikata gazeto aperigis artikolon pri IFK en Tàbor ; Ĉeĥio aperigis dudek kvin artikolojn en faka gazeto, kaj 20 en diversaj regionaj gazetoj ; en Danio pluraj regionaj ĉiutagaj gazetoj aperigis tutpaĝan artikolon pri Esperanto kun specifa atento al la fervoja agado ; Francio publikigis artikolojn en semajna fervojista revuo pri movadaj eventoj ; Germanio ses artikolojn en kvin gazetoj ; Hungario en kvar urboj ĉe regionaj gazetoj ; Kroatio tri artikolojn en la fervoja gazeto. En Norvegio ĉ. 15 artikoloj aperis kaj en fakaj revuoj kaj en ordinaraj ĉiutagaj gazetoj. Pollando dum renkontiĝo en Malbork aranĝis ĵurnalistan konferencon kaj okazigis malgrandan programon en TV. En Rumanio, Slovakio, Slovenio kaj Svisio 2-4 artikoloj aperis en diversaj revuoj.

Jen, tiuj ciferoj pruvas, ke la landaj asocioj multe kaj larĝskale informas la "eksteran" publikon pri Esperanto, pri movada vivo kaj aliaj eventoj, tamen iliaj rezultoj ne aperas en la evoluo de la movado. Ĉu eble tiuj ne estas sufiĉe efikaj ?

Naŭ landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj, inter ili Hungario elstaras per siaj 23 fakaj artikoloj en sia revuo HFM, respektive per fakprelegetoj en diversaj klubkunvenoj.

La Radio Aŭstria Internacia kelkfoje okazigis prelegojn, respektive intervjuojn. Francio informas, ke ĉiusemajne estas aŭdebla elsendo pri Esperanto en la radio de la pariza regiono. Danio, Pollando kaj Rumanio raportas pri prelegoj en radio.

Dum la jaro 2002, dek unu landaj asocioj planas aranĝi entute ĉ. 24 ekspoziciojn.

**8. Varbado :**

Kvar landaj asocioj sukcesis varbi laŭnombre 17 novajn membrojn, sed tiu ĉi nombro ne egalas la - pro forpasoj kaj eksiĝoj - perditajn membrojn. Pluraj landoj plendas pri la inflacio, la mondo fariĝis profitema, kaj nelaste malhelpas la plifortiĝo kaj disvastiĝo de la angla lingvo.

En dek tri landoj okazis memstare aranĝitaj 26 lingvokursoj kun 185 kursanoj, sed konsideru, ke kvin landaj asocioj kaŝis siajn indikojn. Du landoj raportis pri lingvokursoj aranĝitaj en faklernejoj.

Cele por trovi novajn adeptojn, tri landaj asocioj aranĝis, respektive kunlaboris internacian fervojistan Esperanto-renkontiĝon. Tiuj landaj asocioj ne precizigis la nombron de la partoprenantoj. En la jaro 2002 kvin landoj planas varbocele organizi, aranĝi Esperanto-renkontiĝojn.

Ok landoj planas aranĝi entute 12 kursojn kun 122 kursanoj, sed kelkaj ne indikis la planitan nombron de la lernantoj.

**9. Junulara agado :**

Sep landoj raportas entute pri 202 junaj membroj (ĝis 30 jaroj). Ĉinio raportas pri du, Rumanio pri unu, memstaraj junularaj grupoj. Pluraj landaj asocioj strebas akiri junajn membrojn.

El la jarraportoj, mi faras la konkludon, ke la landaj asocioj nur surface okupiĝas pri la junularo, la raportoj ne radias fortan volon kaj penadon pri tiu ĉi laborterneno. Mi estas tre malkontenta pri tio, ja daŭre ni plendas pri la altiĝo de la aĝo de membraro, sed la nura plendo ne solvos nian problemon. Al kiu ni transdonos la stafetbastoneton ?

**10. Landaj organoj**

Dek tri landaj asocioj eldonas propran organon, la nombro de tiuj varias inter unu kaj dekdu. La nombro de jara paĝo estas 619, laŭlande ĝi varias inter 3 kaj 92. Belgio, Bulgario, Danio, Hungario eldonas ĝin nur en Esperanto ; Aŭstrio, Ĉinio, Francio, Germanio, Hispanio, Italio, Norvegio,

Rumanio kaj Svisio eldonas dulingve. Sep landaj asocioj havas spacon ĉe aliaj organoj.

En la jaro 2002 la samaj landoj planas eldoni parte sur samnombro da paĝoj, ses landaj asocioj sur pli da paĝoj, kelkaj sur malpli ol en 2001; krome, Ĉeĥio kaj Slovakio raportas pri strebo por eldoni.

Dek-kvin landaj asocioj komisiis respondeculo(j)n pri kontakto kun la redakcio de IFEF-organo Internacia Fervojisto.

11. **Terminara kaj traduka laboro :**

La Terminara Sekcio de IFEF daŭrigis la laboron, plenumis kaj solvis la taskojn, per sia cirkulero nomita Terminara Kuriero (TeKu) ĝi detale informas. Ĉeĥio per tri fakuloj kunlaboras, Danio, Germanio, Hungario raportas pri la efektivigo de la taskoj. Ĉinio raportas, ke ĝi havas trilingvan fervojan terminaron, (Li Sen kolektis 40 000 vortojn), ĝi eldonas en angla-ĉina lingvoj, poste planas en E-ĉina varianton suplemente eldoni por la 89-a UK okazonta en Ĉinio en la jaro 2004.

Pro la manko de kunlaborantoj stagnas la laboro en Belgio kaj Slovenio. Pollando raportas, ke unu kolego pretas kunlabori ; Slovakio ne havas forton por tiu laboro.

Aperigo de konvencioj ne okazis. Hungario aperigis 17 fakajn artikolojn en HFM ; Ĉeĥio tradukis artikolojn aperintajn en Internacia Fervojisto kaj Hungara Fervojista Mondo por publikigi ilin en ĉeĥlingva fervojista gazeto.

**12. Ekonomio** :

La ekonomia situacio ĝenerale similas al tiu de la antaŭjara. Aŭstrio plendas pri troa altiĝo de afranko, Pollando ne havas financan bazon. En pluraj landoj la financa stato estas stabila, ekvilibra, pluraj ricevas kontribuon de la landa FISAIC-organizaĵo : Ĉinio, Danio, Francio, Hungario, Japanio, Kroatio, Norvegio, Rumanio, Slovakio, Svislando. Kelkaj plendas pro la manko de financa subteno.

**13. Diversaĵoj :**

Ĉinio raportas, ke 12 fervojistaj esperantistoj partoprenis Esperanto-tendaron kaj diskutis pri la E-agadoj de ĈFEA, kaj pri la preparlaboro de la 4-a Nordorienta Ĉina E-Kongreso. La prezidanto, la vicprezidanto kaj ĝenerala direktoro de UEA partoprenis la kunvenon de Ĉina Esperanto - Ligo, eĉ ili prelegis. UEA-estraranoj esploris la eblecon por okazigi Universalan Kongreson en Pekino en 2004. Ili estas kontentaj pri la sinteno de la ĉina registaro pri tiu temo.

Okaze de la privatigo de fervojo en Germanio fondiĝis "Fervoja Sociala Asocio" mallonge "Fonduso BSW". Ĝi ne apartenas al la fervojo, ĝi estas sub ŝtata kontrolo. Joachim Giessner, honora prezidanto de IFEF ricevis honordiplomon de BSW pro sia longjara (1957-2000) volontula laboro.

La meznombra aĝo de la membraro altiĝas kaj pluraj grupoj havas propran bibliotekon.

En Norvegio Per Johan Krogstie tradukis la libron al la norvega lingvo titolitan "Estontoj tra la tempo", eĉ li eldonis ĝin proprakoste.

Rumanio allogis potenculojn kaj aŭtoritulojn por akiri financan subtenon por la 2002-jaraj skisemajno.

En Ĉinio la Esperanto-movado disvastiĝas kaj fortiĝas, en kelkaj landoj la movado prosperas.

Norvegio proponas malkompliki la demandilon de IFEF, ja estas multaj similaj demandoj.

Laŭvorte mi citas la proponon de Slovakio, kion mi opinias pripensinda ; jen: ĉu ne estus multe pli simple aperigi E-klarigojn [de naciaj horaroj] en la paĝoj de IFEF en Interreto ? Tio nenion kostus krom la traduklaboro kaj tempo de tiu s-ano, kiu enigus la tekston en Interreton. Aŭ ĉu estas iuj aŭtoraj rajtoj pri la klarigoj rilate al fervojoj?

**14. Resuma komentario :**

Studante la jarraportojn, parolante kun enlandaj kaj eksterlandaj fervojistaj esperantistoj, partoprenante en Esperanto - kongresoj, konferencoj, renkontiĝoj, mi povas fari la jenajn konkludojn :

- la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, eĉ mem la ĝenerala Esperanto-movado ;
- ĝenerale mankas la junuloj ĉe la movada laboro. En pluraj landoj la ĉefa zorgo estas vivteni la asocion. En pluraj landoj, la politika klimato ne favoras al Esperanto-movada agado pro la daŭre pli kaj pli efikaj labormetodoj (raciigado) ĉe la fervojo kaj pro la privatigo.
- En kelkaj landoj la Esperanto-movado relative stagnas kaj la kapablaj gvidantoj mankas. La tendenco de scienco estas preferi la anglan ligvon. En la amasmediojn (TV, Radion) la angla lingvo enpenetras, do, oni tre malfacile povas konvinki homojn pri la neceso de Esperanto. Ne nur maljuniĝas la membraro kaj ne sekvas junaj adeptoj, sed ĉiam pli konkretiĝas la situacio, ke malfortiĝas la estraro de la landaj asocioj, ŝajnas maleble trovi membrojn, kiuj pretas transpreni la oficon de la estraro ;
- Antaŭ kelkaj jardekoj, eĉ certajn jarojn pli ol 400-500 fervojistaj esperantistoj partoprenis en la IFEF-Kongresoj, nuntempe nur 150-200 personoj ;
- la okcidentaj landoj malinklinas organizi IFEF-Kongreson.

Oni povus longe vicigi plu la negativajn spertojn, la malbonajn situaciojn kaj eblecojn, sed kial ? Ni esperantistoj ĉiam estis kaj estas optimistoj, eĉ devas esti optimistaj. Ni esperu, ke ĝis la fino de nia vivo ni ne perdos la optimismon. Estu tiel !

Budapeŝto, la 4-an de junio 2002.

(István Gulyás)
vicprezidanto de IFEF

*Ni funebras :*

***Giordano AZZI*** (Como 06.03.1910-/ 01.07.2002). Inĝeniero ĉe privata fervojo (Nord-Milano). Inter la plej elstaraj italaj e-istoj, li estis prezidanto de IEF, honora membro de IEF kaj de UEA. Memorindaj liaj verkoj kaj tradukoj de literaturaĵoj en E-on, ĉefe el Giovanni Pascoli.
Li estis la ĉefa zorganto por la eldono de la kolekto "*Itala Antologio*". Li estis membro de IFEA ekde la 50aj jaroj ĝis la morto kaj fariĝis (1972) Membro de "Honora Patrona Komitato" de IFEF.

---------

***Claude DUGUÉ*** (FR-Étréchy). F.F.E.A-ano de pli ol 40 jaroj, ŝi partoprenis multajn E.aranĝojn kaj helpis en diversaj organizoj. Dum longtempo ŝi bone efikis en la sendado de nia nacia revuo.
Post longa malsano ŝi mortis la 14-an de aŭgusto 2002 en sia 71-jaraĝo.

*Kodolence, I.F.E.F kliniĝas al ilia memoro.*

# Laborplano de IFEF (2002 - 2010)

## 1. Taskoj de IFEF

1. Plenumi la decidojn de la Komitato.
2. Doni konsilojn al la landaj asocioj de IFEF.
3. Interrilati kun instancoj kaj aŭtoritatoj.
   3.1. Fervojaj instancoj kaj aŭtoritatoj,
   3.2. UIC,
   3.3. FISAIC (kun landaj sekcioj nur inter - konsente kun landa IFEF-asocio),
   3.4. aliaj fervojistaj organizoj, (kulturaj, artaj, libertempaj, sportaj, fila-telaj) interkonsente kun la landaj asocioj de IFEF,
   3.5. nefervojistaj instancoj kaj organizoj interkonsente kun landa IFEF-asocio.
4. Interrilati kun Esperanto-organizoj,
   4.1. UEA,
   4.2. SAT,
   4.3. UMEA,
   4.4. aliaj Esperanto-organizoj.
5. Kolekti kaj disponigi informojn.
   5.1. Kolekti gravajn informojn kaj aĵojn,
   5.2. disponigi informojn al interesuloj,
   5.3. utiligi la IFEF-kongresojn kaj ĉiun taŭgan okazon por informi la publikon,
   5.4. Informi la landajn asociojn de IFEF pri la estrarkunsidoj de IFEF.
6. Regule aperigi ĉiujare ses numerojn de IFEF-organo - Internacia Fervojisto.
7. Instigi landajn asociojn organizi IFEF-Kongresojn kaj skisemajnon.
8. Instigi ĉiuspecan kulturan agadon de la landaj asocioj.
9. Instigi kaj subteni la agadon de junularo.
10. Iniciati kaj helpi en la organizo de novaj landaj asocioj.
11. Ĝenerale favorigi varbadon ĉiuspecan.
    11.1 Intensigi la varbadon de novaj membroj - ĉefe junulojn,
    11.2. varbi izolitajn membrojn, varbi esperantistojn el la aliaj branĉoj de la trafiko, kaj malfermi la "IFEF-pordon" por ili,
    11.3. varbi adoptitojn kaj rekomendi ilin al la koncerna landa asocio.
12. Progresigi kaj subteni la terminaran laboron kunlabore kun UIC.
13. Progresigi kaj subteni la fakan laboron (per fakaj artikoloj, fakprelegoj, fakaj kajeroj).
14. Kolekti kaj okaze publikigi statistikojn kaj historiajn datojn.

## II Taskoj de la landaj asocioj kaj ties lokaj societoj

15. Interrilati kun instancoj kaj aŭtoritatoj,
    15. 1. Fervojaj instancoj,
    15.2. Fervojistaj sindikatoj,
    15.3. Landaj FISAIC-asocioj,
    15.4. Aliaj fervojistaj organizoj (kulturaj, artaj, sportaj),
    15,5. Nefervojistaj organizoj.
16. Organizi jarkunvenojn.
17. Organizi komunajn aranĝojn kun aliaj asocioj.
18. Interrilati kun Esperanto-organizoj ;
    18.1. Landaj Asocioj de UEA
    18.2. Landaj grupoj de SAT
    18.3. Aliaj.
19. Informado en la plej vasta senco,
    19.1. kolekti gravajn informojn kaj sendi ilin al IFEF,
    19.2. nomumi respondeculon, kiu provizas la redaktoron de la IFEF-organo per aktualaj novajoj,
    19.3. informi la vastan publikon,
    19.4. informi fervojajn administraciojn kaj fervojajn sindikatojn,
    19.5. informi en propra medio (deĵorejo k.s.),
    19.6. informi aliajn telekomunikajn branĉojn (navigacian, aertrafikan, ŝosean, urbotrafikan, poŝtistan, radio - televid- kaj telefonaferajn instituciojn),
    19.7. aranĝi ekspoziciojn,
    19.8. kromaj aktivecoj (flugfolioj, afiŝoj, sonbendoj, diskoj, murgazetoj, montrofenestroj).
20. Varbado.
    20.1 . Plialtigi la membronombron krom

fervojistoj kun parencfakuloj,
20.2. aranĝi lingvokursojn eĉ konsidere la fakan lingvon,
20.3. zorgi pri instruado en faklernejoj,
20.4. prizorgi la membrojn, precipe novajn,
20.5. instigi la utiligon de la "Korespondа Servo" de IFEF,
20.6. trovi novajn adeptojn kaj subtenantojn,
20.7. prizorgi la adoptitojn,
20.8. fondi novajn grupojn,
20.9. instigi la membraron por aktive partopreni Internaciajn Fervojistajn Kongresojn kaj aliajn Esperanto-aranĝojn,

21. Junulara agado.
21.1. Kunlaborigi junulojn kun la landa estraro,
21.2. organizi allogajn junularajn aranĝojn
21.3. aliĝi al la "Pasporta Servo" de TEJO,
21.4. interrilati kun neesperantistaj junularaj organizoj.

22. Organizi lingvokursojn por komencantoj, progresantoj eĉ fakaj.
23. Funkciigi Esperanto-Klubojn kun nivelaj kaj kontinuaj programoj.
24. Eldoni landan organon aŭ/kaj informilon.
25. Faka laboro:
25.1. Intensigi la terminaran agadon sur nacia nivelo en kunlaboro kun la Faka Komisiono kaj kun la fakuloj de la nacia fervojo,
25.2. Eldoni Fervojan Terminaron de IFEF en nacia lingvo-Esperanto laŭ ĝenerala Leksikono de UIC,
25.3. Aperigi la klarigan tekston de oficiala fervoja horaro en Esperanto.

## III. Taskoj de komisionoj kaj komisiitoj

26. Terminara Sekcio de Faka Komisiono.
26 1. Intensigi, koordini kaj raciigi la terminaran laboron sur internacia nivelo,
26.2. intensigi la terminaran laboron sur nacia nivelo,
26.3. eldoni laŭbezone internacian komunikilon (Terminaran Kurieron - TeKu),
26.4. traduki kaj eldoni novajn terminojn laŭ UIC,
26.5. traduki kaj eldoni la difinvortaron de UIC,
26.6. bontenadi kaj kompletigi la fervojfakajn esprimojn en PIV,
26.7. traduki internaciajn regularojn,
26.8. recenzi tekstojn de fervojfaka enhavo.

27. Faka Aplika Sekcio de Faka Komisiono.
27.1. Zorgi por lingve senriproĉaj fakprelegoj,
27.2. verki, aperigi fakajn artikolojn, respektive prezenti fakprelegojn,
27,3. eldoni "Faka Kajero"-jn pri gravaj fakaj artikoloj, prelegoj,
27.4. aranĝi "Faka Tago"-n (t.n. Kontaktkunvenon) kun fakprelego[j], kaj fakan ekskurson dum Universalaj Kongresoj,
27.5. intensigi je tradukado de fakprelegoj en naciajn lingvojn,
27.6. sugesti koncizajn klerigajn informojn pri fervojaj aktualaĵoj ĉiulandaj.

28. Ĉefkomitatano de IFEF:
28.1. organizi kaj direkti la laboron de IFEF-Komitato,
28.2. eldoni cirkulerojn kaj demandilojn (kune kun la vicprezidanto) al la landaj asocioj de IFEF,
28.3. kolekti kaj publiki la kongresoproponojn,
28.4. kunmeti kaj eldoni la adresaron de IFEF kaj landaj asocioj de IFEF.

29. Komitatano A de UEA:
29.1. Reprezenti IFEF en Universalaj Kongresoj,
29.2. gvidi la kontakto-kunvenon dum Universalaj Kongresoj,
29.3. flue observi la efektivigon de la strategia laborplano de UEA,
29.4. specialaj taskoj laŭ komisio flanke de estraro kaj komitato,
29.5. raporti skribe kaj buŝe pri sia agado al estraro kaj komitato.

****************

## Dizela motorvagono

En majo 1998 naskiĝis en Ĉinio la unua duetaĝa dizela motorvagonaro, farita en Tangshan-a lokomotiva kaj vagona produktejo kaj ĝi funkciis en junio samjare inter Nanchang kaj Liujiang.

La motorvagonaro, konsistanta el kvar vagonoj : du (la unua kaj la fina) motorveturiloj kaj mezaj du kunremorkaj vagonoj, estas dizela. La totala povo de la motorvagonaro : 1320 kilovattoj ; la projekta rapido : 120 km/h ; la totala nombro da pasaĝeroj : 540.

En la fino de 1998 naskiĝis la unua en Ĉinio unuetaĝa hidromekanika dizelmotorvagonaro, farita de "SIFANG" lokomotiva kaj vagona fabrikejo kaj trafikanta inter Nanchang kaj Jiujiang, Nanchang kaj Ganzhou en februaro 1999. La plurgrupa trajno, konsistanta el ses vagonoj : du (la unua kaj fina) motorvagonoj kaj mezaj kvar kunremorkaj vagonoj, utiligas dizelan koncentriĝan energion. La totala povo : 2 000 kilovattoj, la projekta rapido : 140 km/h, la totala nombro da pasaĝeroj : 546.

En aŭgusto 1999 la grand-rapida duetaĝa dizela motorvagonaro, nomata "NOVA AŬRORO" estis produktita en Qishuyan-a lokomotiva kaj vagona fabriko kaj Nanjing-a Puzhen vagona produktejo, kaj ekfunkciis komerce sur Shanghai-Nanjing--fervojlinio. La motortrajno, konsistanta el 11 vagonoj : du (la unua kaj fina) motorvagonoj kaj mezaj naŭ kunremorkaj vagonoj, estas dizela koncentriĝo-movforta fiksita-tipo de NZJ-1. La totala povo : 5 520 kilovattoj, la projektita rapido : 180 km/h, la plej granda eksperimenta rapido : 198 km/h, la nombro da pasaĝeroj : 1440.

La 1-an de oktobro 2000, naskiĝis duetaĝa dizela motorvagonaro, nomata "DIA LANDO ĈINIO" kaj ekveturis inter Beijing kaj Tianjin. Ĝi konsistas el 12 vagonoj : du (la unua kaj fina) motorvagonoj, la mezaj 10 duetaĝaj kunremorkaj vagonoj. La fiksita tipo de la dizela koncentriĝo movforta motorvagonaro estas NZJ-21a totala povo : 3480 kilovattoj, la projektita rapido : 180 km/h, la rapido dum eksperimento de la duetaĝa atingis 210.8 km/h inter Beijing kaj Tianjin, stariginte la grand-rapidan rekordon de la dizelaj motortrajnoj, produktitaj en Ĉinio. La totala pasaĝero-nombro : 1440.

Han Zuwu
Vicprezidanto de Ĉina Fervojista
Esperanto-Asocio



## Ĉina motorvagonaro en rapida disvolviĝo

En la nuna tempo popoloj preferas la malgrandan trajnklasifikadon kaj granddensecon de dizela kaj elektra motorvagonaroj en la antaŭurbo kaj inter urboj.

En la sesdekaj jaroj Changchun-a pasaĝervagona fabriko produktis la unuajn grupojn de elektraj motorvagonaroj por metroo de Beijing. En la fino de sepdekaj jaroj kaj komenco de la okdekaj, Changchun-a pasaĝervagona fabriko, Zhuzhou-a esplorejo pri elektraj lokomotivoj kaj Akademio de Fervoja ministerio kune studis kaj produktis la elektrajn motorvagonarojn kun rapido de 140 km/h kaj provfabrikis elektrajn motortrajnojn kun du motorveturiloj kaj du kunremorkaj veturiloj, sed ne faris komercan trafikon.

Dum la "Naŭa Kvinjara Plano" (1996-2000), Ministerio de fervojoj provfabrikis kvarspecojn da dizelaj plurgrupaj trajnoj kaj tri specojn da elektraj motorvagonaroj, trafikantaj en la fervojo-linioj Nanchang, Shanghai, Beijing, Harbin, Kunming, Huhhot kaj Guangzhou-a fervoja grupa kompanio.

Han Zuwu
Vicprezidanto de Ĉina Fervojista
Esperanto-Asocio

## Elektra motorvagonaro

En marto 1999 la elektra motorvagonaro nomata "PRINTEMPA URBO" estis farita de Changchun-a vagon-fabrikejo kaj Zhuzhou-a esplorejo de elektraj lokomotivoj, kaj ĝi komerce veturis en majo samjare dum la "Internacia foiro en Kunming". La motorvagonaro konsistas el tri motorvagonunuoj. Ĉiu el ili inkluzivas motorvagonon kaj remorkon. Ĝia totala povo : 2160 kilovattoj, la projektita rapido : 120 km/h, la totala pasaĝero-nombro : 602.

En majo 1999 la motorvagonaro, nomata "FAŬKO", konsistanta el sep vagonoj : unu motorvagono kaj ses remorkoj, estis farita en Zhuzhou-a fabrikejo de elektraj lokomotivoj, Changchun-a vagono-fabrikejo, "SIFANG" lokomotiva kaj vagona fabrikejo Puzhen-a vagono-produktejo kaj funkciis en septembro samjare. Tiu vagonaro veturas puŝtire. Ĝia totala povo : 4000 kilovattoj, la projektita rapido : 200 km/h, la eksperimenta rapido sur la Guangshen-a linio atingis 223, 2 km/h.

En decembro 2000 estis farita la elektra motortrajno nomata "BLUA SAGO", konsistanta el sep vagonoj : unu motorvagono kaj ses remorkoj. La totala povo : 4800 kilovattoj, la projektita rapido : 200 km/h, la eksperimenta rapido sur la Guangshen-a linio atingis 235,6 km/h, la totala pasaĝer-nombro : 421.

En la sama tempo motorvagonaro, konsistanta el ses vagonoj : kvar motorvagonoj kaj du remorkoj, formita el motorvagonunuo kun du motorvagonoj kaj unu remorko estis kune produktita en Puzhen-a vagon-produktejo, Datong-a lokomotiva fabrikejo, "YONCJI" motorfabriko, Akademio de fervojaj sciencoj, eks-Shanghai-a fervoja universitato Changsha-a fervoja instituto. La totala povo: 4800 kilovattoj, la projektita rapido : 200 km/h, la eksperimenta rapido : 240 km/h, la totala pasaĝero-nombro : 424.

Han Zuwu
Vicprezidanto de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio

## *"TAF" - Trajno Alta Frekventado*

Ĉiutagaj transportadoj de amasoj da personoj en grandaj kaj mezaj urbaj areoj, metas vicojn da problemoj, kaj al kiu devas agadi por la trafiko, kaj al vojaĝantoj, kiuj aparte petas akuratecon en la horaro kaj komforton. Multe oni faras por plibonigi la situacion, per konstruado de infrastrukturaĵo sed antaŭ ĉio, per akiro de novaj veturiltipoj kaj per plibonigo de la ekzistantaj.

Ekde kelkaj jaroj estas en cirkulado sur nia reto : Trajnoj je Alta Frekventado "TAF", kiu oferas altajn transportpovumon kaj komforton : altajn transportkapaciton, startakcelojn kaj bremsadakcelojn, bonan komforton por la vojaĝantoj, malaltajn kostojn por la bontenado kaj altan fidindecon dum la cirkulado de la veturiloj.

La trajno konsistas el kvar vagonoj, kun ambaŭfine du elektraj motorvagonoj, kaj du mezvagonoj, je du etaĝoj ; maksimuma rapido atingebla 140 km/h, kun altaj startakceloj : distanco de 5 km estas traveturata en 210 sekundoj.

Pasaĝerkomforto venas de boĝioj kun tre avancitaj teknologioj, de bone kontraŭbruaj izoladoj, kaj de aparatoj por aerklimatizado kaj en vagonoj kaj en kondukistejoj, la seĝoj estas bone profilitaj kaj ergonomiaj, ordigitaj 4 po vicoj, por sume 476 lokoj ; ekranoj interne kaj ekstere kun veturad-indikoj, kaj ebleco por internaj sonanoncoj. La enirpordoj estas tre larĝaj, kaj permesas rapidan eniron kaj eliron de la vojaĝantoj ; ili estas je la nivelo de la kajo, ĉar lokitaj meze de la vagono kaj ne kiel kutime sur la boĝioj, tiel eblas facila eniro ankaŭ al rulseĝoj de handikapuloj, por kiuj estas ekipita speciala vagono kun glitejo kaj taŭga necesejo.

Vito Tornelli

***Adreso-ŝanĝo***

*Bonvolu noti la novan adreson de nia Honora Prezidanto Joachim Giessner.*

Joachim Giessner
Am Jüdenhübel 13
DE-67705 Trippstadt (Pfalz)
Tel : (06306) 82-301

**INTERNACIA FERVOJISTO**
54-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro : Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72 230 Arnage, France**
**Tel /Fakso +332 43 21 16 39**
**Retadreso :**
**Jean.Ripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto** : Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso : lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto** : István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso : kozsu13@freemail.hu

**Sekretario** : Marica Brletič
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb

**Kasisto** : Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, Appt 132
FR-49100 Angers
Tel : + 33(0)2 41 20 19 40
Retadreso :
Laurent.vignaud@wanadoo.fr

**Franca poŝtĉekkonto :**
**Atentu :**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭroj pli por bankelspezoj)

**UEA-konto :** iffk-o

**Apermonatoj :**
Januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 BUDAPEST, Hungario

**IFEF-TTT-paĝaro :**
HTTP://perso.wanadoo.fr/esperanto/ifef
ISSN 1397-4270

VIG 2002.420



## Por via distro

En malsupra figuraĵo bonvolu trovi kaj forstreki ĉiujn malsupre indikitajn vortojn. Ili povas esti trovitaj en ĉiu direkto, do horizontale, vertikale kaj diagonale eĉ retroire. La unuopaj literoj povas esti uzitaj eĉ plurfoje. Post kiam vi forstrekos ĉiujn 24terminojn, restos 8 ne-forstrekitaj literoj, kiuj legataj laŭ la linioj formas la solvon de tiu ĉi « okdirekta krucenigmo ». La ĝustan solvon vi trovos en paĝo 66.

***Forstrekendaj vortoj :***
Bielo, boĝio, bufro, frajto, kajo, karuselo, lokomotivo, pilono, piŝto, prezaro, risorto, signalilo, spano, spoko, stacio, ŝoforo, ŝtoko, taro, trajno, trako, tropiko, vagono, valvo, varhalo.

Kompilis Jindřich Tomíšek

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| V | P | I | Ŝ | T | O | K | O | V | A | G | L |
| O | K | I | P | O | R | T | R | A | K | O | O |
| I | A | O | R | T | F | A | N | G | A | L | K |
| Ĝ | R | F | E | R | V | O | J | O | J | I | O |
| 0 | U | R | Z | O | A | A | R | N | O | L | M |
| B | S | A | A | S | R | O | L | O | O | A | O |
| I | E | J | R | I | H | A | K | V | A | N | T |
| E | L | T | O | R | A | R | T | O | O | G | I |
| L | O | O | N | O | L | I | P | O | P | I | V |
| O | S | P | A | N | O | I | C | A | T | S | O |

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati
Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Retadreso : galati@radiotel.ro

